# Sennaciulo

Oficiala organo de sennacieca asocio tutmonda

Oktobro 1991 maandblad 62-a jaro, n-ro 10 (1036)

* Pri la enhavo de la artikoloj respondecas la aŭtoroj mem *

## AKTUALE.....

*En tri tagoj, en februaro 1917, malaperis la carismo !*
*En tri tagoj, en oktobro 1917, la komunista (bolŝevika) partio konfiskis, je sia sola profito, la rusan revolucion !*
*En tri tagoj, en aŭgusto 1991, kvazaŭ malaperis la bolŝevika reĝimo !*
*La "parentezo" daŭris sepdek kvar jarojn...*
*La (eks)membroj de la tiama komunista partio (Gorbaĉov, Jelcin, k.a.) provas kanalizi la lavangon profite al la eksa kaj nun kreiĝanta nomenklaturao.*
*La kariero de tiuj politikuloj verŝajne ne estos tre longa. La bazaj problemoj de ĉiu orienta civitano ne ŝanĝiĝos nur danke al ŝanĝiĝo de politikaj respondeculoj.*
*Ne nur la etnoj, la gentoj, la "nacioj" devas sendependiĝi, sed ankaŭ la homoj devas emancipiĝi kaj mastrumi sian destinon.*
*Preter la nacia sendependiĝo kaj la plupartiismo, necesas ke la homoj superregu la ekonomion. Tiucele, la SAT-P.K. atente observas la ĉiutagan kreiĝon en la eksa Sovetunio de multnombraj sendependaj asocioj kaj liberaj sindikatoj.*
*La SAT-PK ankaŭ esperas, ke la orientaj landoj ne haltos je la etapo de burĝa revolucio kaj kapablos krei novajn sociordojn bazitaj sur LIBERECO kaj EGALECO.*

*La Plenum-Komitato de SAT*

Ĉu vi jam legis

SENNACIECAN REVUON

1991 ?

# KIO ESTAS JUGOSLAVIO ?

de nia korespondanto:

La milito en Kroatio - malgraŭ la aliaj opinioj, pruvas ke Jugoslavio ankoraŭ ekzistas? Tiu milito eĉ montras la veran bildon de Jugoslavio, t. e. ke ĝi fakte ĉiam estis la masko por Granda Serbio.
Kio estas Jugoslavio ? Tiu lando, diference de aliaj eŭropaj ŝtatoj ne estas kreita kiel ŝtato bazita sur iu nacio. Jugoslavoj ne ekzistis en la momento de ĝia kreiĝo kaj eĉ hodiaŭ ne ekzistas.

Hodiaŭ oni tion plej bone vidas ĉe la federacia prezidantaro kie la "serba bloko" (Serbio, Montenegro, Vojvodinio kaj Kosovo) malebligas la normalan aktivecon de la prezidantaro. Ĉiuj federaciaj strukturoj - de la armeo ĝis financaj (bankaj) strukturoj funkcias nur kiam ili sekvas la politikon de S. Miloŝeviĉ (prezidanto de Serbio). De ilia federalismo eĉ masko ne restis.



*Patrinoj el Kroatio kaj aliaj partoj de Jugoslavio postulas de armeo siajn filojn.*

La lando baziĝas nur sur la strukturoj de povo kaj forto.
Kio do estas Jugoslavio? Ĝi estas t.n. federaciaj strukturoj: Federaciaj - parlamento, prezidantaro, registaro, diplomatio, federacia banko, federacia polico kaj jugoslavia popola armeo. Ĉiam en tiuj federaciaj instancoj la plej nombraj kaj respondecaj estis Serboj. Dum jardekoj, do, tiuj instancoj sin apogitaj sur la unupartia komunista diktaturo, sub la masko de jugoslaviismo, defendis la interesojn de Serbio.
Per la fiasko de komunismo ankaŭ tiuj strukturoj komencis disfali, kio ebligis montri la veran vizaĝon de la federacio.

Nun, kiam la masko falis, montriĝis la vera vizaĝo de Jugoslavio. Kiam Serbio ne plu povis efektivigi sian imperiisman politikon sur la sudslava parto de Balkano. Per politikaj manieroj, ĝi daŭrigis ĝin alimaniere, t.e. per la milito - unue en Slovenio kaj nun en Kroatio.
Espereble, la vera situacio nun estas klara al la tuta mondo. Des pli, ke per tiu milito kaj imperiista politiko ne estas nur endanĝerigita eta Kroatio sed ankaŭ Eŭropo mem.
Nun estas klare ke ne temas pri jugoslavia krizo, sed iom kaŝita krizo de grandserbiismo ("Ĉie kie vivas Serboj estas

daŭrigo paĝo 86

SAT-ANOJ KUTIMIĜU AL EKSTERNACIA SENT-, PENS-, KAJ AGADKAPABLO ! LANTI

## El la redaktejo

*Karaj gekamaradoj,*
*Jen, post trimonata paŭzo vi tenas en la manoj oktobran numeron de S-ulo kaj duonon de la kongresprotokolo. La duan parton vi legos en novembro. Ankaŭ bona novaĵo estas la informo ke nia venonta kongreso okazos en Kaunas, Litovio. Pliajn detalojn ankaŭ en novembro. Kiel vi legos, la financa situacio de SAT estas daŭre malbona, kaj povas esti, ke ni devos aperigi plian fojon dumonatan numeron de Sennaciulo. Sed, pri tio ni informos vin ankaŭ venontnumere.*
*Ĝis tiam, sendu al ni materialon pri aktualaĵoj. Nenion ni ricevis el Sovetio, malgraŭ tre multaj okazintaĵoj. Do, ek al viaj plumoj.*

*Via redaktoro.*



Asocia sidejo de S.A.T.,administrejo kaj redaktejo:
67, avenue Gambetta, F-75020 Paris, tel: (1)47.97.87.05
Oficejo malfermita: lunde 9h30-15h30; de mardo ĝis vendredo:9h30-16h30.
Ekster la laborhoroj funkcias aŭtomata telefona registrilo.
Poŝtkonto: SAT n° 1234-22 K, Paris.
Redaktas: Redakta komitato.
Ĉefredaktoro: Kreŝimir Barkoviĉ.
Ekspedejo de Sennaciulo: W. Quispel, Dennendaal 64, NL-3075 ZC Rotterdam.
Poŝtkonto je nomo:Admin.Sennaciulo n° 668.651 Rotterdam.
Pri la enhavo de la artikoloj respondecas la aŭtoroj mem.
Presita ĉe: Grafisch Bedrijf Tuijtel B.V., Hardinxveld Giessendam,Nederl ando.
Aperas monate.

## *DEKLARACIO*
## *de la 64-a SAT-Kongreso en Ottignie-L.L.N., Belgio 27.07.-03.08.1991*

*La 64-a SAT-Kongreso okazanta en Ottignies-Louvain la Neuve (apud Bruselo) kun 163 partoprenantoj el 15 landoj,*
***konsiderante**, ke la lastaj jaroj en la mondo pasis sub la signo de la kresko de la nacia kaj etna memkonscioj kaj sekve de tio kreiĝis naciliberigaj movadoj;*
***vidante** samtempe, ke la naciaj kaj etnaj memkonscioj, kunpuŝante kun hegemoniaj potencoj, ofte kriple transformiĝas je naciismo kies sekvo estas sangoverŝo;*
***konstatante**, ke la imperiismajn atencojn kaj ekstremismon ofte akompanas ankaŭ la religia aŭ ideologia fanatikecoj, kiu servas kiel bazo kaj pravigo de ĉiuj perfortnaskaj konkeraj aŭ naciismaj agoj;*
***atente observas** strebojn de ĉiuj popoloj al sendependeco kaj liberiĝo;*
***kondamnas** ĉiujn imperiismojn kie ajn en la mondo ili montriĝas;*
***atentigas** pri la danĝero de troa evoluo de la naciismo, kiu facile transformiĝas je ŝovinismo, kaj de ĉiaj dogmoj;*
*pro tio **alvokas** al plena toleremo kiel ĝi aperas nuntempe en la internaciaj rilatoj kiuj konverĝas al ĝenerala malarmigo kaj al limigo de armiloj tradiciaj, kemiaj kaj atomaj.*

## *REZOLUCIO*
## *de la 64-a SAT-Kongreso en Ottignies/L.L.N., Belgio 27.07.-03.08.1991*

*Konsiderinte la nuntempan staton de la organizado de kongresoj kaj aliaj aspektoj de la aktuala ekzisto de SAT, la 64-a SAT-Kongreso en Ottignies Louvain la Neuve atentigas la SAT-membrojn kaj estontajn OKK-ojn pri jenaj punktoj:*
*1) SAT membroj estu konsekvencaj ne nur en siaj paroloj, sed ankaŭ en la ĉiutaga konduto.*
*2) Organizantoj kaj partoprenantoj de la SAT-kongresoj kaj aliaj aranĝoj klopodu inviti reprezentantojn de la lokaj laboristoj, sindikataj kaj aliaj progresemaj organizoj kaj kreu kun ili aliajn kontaktojn. La kongresanoj pli detale ekkonu la lokajn problemojn de la progresemaj movadoj kaj de la entreprenoj, modelaj laŭ la socialaj, ekologiaj kaj ceteraj karakterizoj.*
*3) Ĉar la kongresojn de SAT ankaŭ partoprenas komencantoj, la LEA-oj antaŭzorgu por ili dumkongresajn paroligajn rondojn.*
*4) Informcele la OKK-oj antaŭvidu kunvenon rilate al la klarigo pri SAT-movado por la esperantistoj, kiuj tion deziras.*
*5) Ĉar dum la kongresperiodoj al la plimulto el la partoprenantoj mankas nacilingvaj novaĵfontoj, necesas organizi ĉiutagajn resumojn de la ĉefaj aktualaĵoj de la mondo.*
*6) SAT instigu siajn membrojn laŭeble venigi infanojn al SAT-aranĝoj. Ni esprimas la admiron pri la sukcesa organizo de la infanaj kongresetoj fare de k-ino Tokarska dum la 63-a kaj 64-a SAT-kongresoj.*

### KIO ESTAS JUGOSLAVIO ?
fino

Serbio!). La ekzisto de Jugoslavio malebligas efikan internaciigadon de tiu krizo kaj intervenon por atingi la pacon, ĉar ankoraŭ oni konsideras tiun konflikton kiel interna afero de Jugoslavio. Por interveno de internaciaj fortoj estas necesa la akcepto de Jugoslavio, kaj tio ne eblos tiel longe kiel Jugoslavio ekzistos ( tri el ses Respublikoj per referendumo proklamis sian sendependiĝon).
Guste pro tio estas nepre necese rekoni tiujn landojn. Per la rekono de Kroatio, oni povos efike agi cele al ĉesigo de la milito kaj al paca solvo de tiu Balkana krizo, kiu endanĝerigas eĉ Eŭropon mem.

### ATENTIGO AL LEGANTOJ DE SENNACIECA REVUO!

Pro teknikaj kialoj, la aspekto de la ĉi-jara Sennacieca Revuo ne estas tia, kia ĝi devus esti. Ni petas pardonon al niaj legantoj !

La P.K. de SAT

***************************

JAM NUN PREPARU VIN POR LA KONGRESO EN KAUNAS!

# LA 65-A KONGRESO DE S.A.T. OKAZOS EN LITOVIA AGRIKULTURA AKADEMIO DE KAUNAS - LITOVIO de la 05.08 ĝis 15.08.1992

## Pliajn informojn vi trovos en novembra n-ro de S-ulo.

## AMIKECA RETO

Baldaŭ aperos la nova eldono de la Amikeca Reto. Ĝi validos por la jaroj 1992-1993. Depost 1987 multaj adresoj eble ne plu estas validaj, kaj pro tio ni petas de ĉiuj membroj de Amikeca Reto sendi novan aliĝilon. Jam multaj faris tion kaj tio do koncernas nur la malfruantojn.

La plenigo de la aliĝilo estu tre serioza. Ĝi necesigas longegan tempon pensante pri ĉiuj rubrikoj.

Oni mense listigu ĉiujn sociajn ejojn en la urbo (kluboj, asocioj, sindikatoj, fabrikoj ktp...) kaj elektu laŭ la eblecoj ilin vizitigi danke al kolegoj aŭ amikoj. Oni listigu ĉiujn amikojn kaj pripensu pri iliaj ŝatokupoj aŭ sociaj respondecoj.

Ĉar tio ne koncernas nian reton, se vi deziras gastigi junulojn senpage, vi prefere aliĝu al la Pasporta Servo.

La adreso de l'Amikeca Reto estas nova: Amikeca Reto, 88 rue Victor Hugo, F-37400 AMBOISE, Francio. Telefono: 47.57.55.68. informoj haveblas.

Realiĝante senprokraste vi helpos la zorgantojn.

### OKAZE DE LA 70A DATREVENO DE S.A.T.

Kiel dirite en Sennaciulo, Henri Barbusse estis la unua honora prezidanto de la fondkongreso. Mi vidas en lia prezido gravan simbolon. Simbolo, ke la ĉefa zorgo de la fondintoj de S.A.T. estis kiel malebligi militojn. Barbusse estis eksbatalinto de la Unua mondmilito (1914-1918). Li verkis romanon en kiu li rakontis la suferojn de la batalintoj. Post la milito, multaj sin demandis: kial tiu amasbuĉado kaj tiom da suferoj, da detruoj? Ili esperis ke tio estas la lasta fojo, ke okazas tia stultaĵo. Barbusse, kiel multaj en la laboristaj movadoj, vidis malantaŭ defendo de naciaj interesoj, de demokratio, de libero, nur konflikton de la imperiismoj. Oni trompis la amason kaj instigis ĝin per naciistaj sentoj, per mensogoj. Ĉiam la malamikoj estas senmoralaj kruelaj homoj, malamikoj de libero, de demokratio. Ili volas ŝteli niajn bienojn.

Por malebligi novan interhoman buĉadon, oni devos montri la veran kaŭzon de konflikto, rivalecon de imperiismoj. Por instigi la popolon, ili mensogas pri la aliaj popoloj, la aliaj reĝimoj, ili favorigas la naciistajn rasistajn sentojn. La pacamantoj devas kuniĝi, ĉefe la laboristoj kiuj pagas la militkostojn, kiuj estas la viktimoj. Ili devus agadi por ke neniam plu okazu la samo.

Lanti havis similajn ideojn kaj esperis pri la laborista internaciismo. Verŝajne ĉiuj fondintoj de S.A.T. opiniis simile. La prezidanteco de Barbusse signifis ke la ĉefa motivo por fondi laboristan esperanto-asocion estis la espero efike agadi kontraŭ la militojn, por ke amikiĝu la tutmondaj laboristoj. Eĉ se SAT ne sufiĉe sukcesis, ni povas ĝoji, ke ĝi naskiĝis sub tiu simbola prezidanteco. Daŭras la batalo kontraŭ la milito por la paca kunekzistado. Vivu interhoma amikeco! Vivu SAT!

O.J.P.

## FAULHABERSEMAJNFINO EN NEDERLANDO

La ĉi-jara Faulhabersemajnfino okazos la (8), 9an kaj 10an de novembro 1991 en la naturamika domo "De Bosbeek" en Bennekom. Bennekom estas vilaĝo inter Utrecht kaj Arnhem kaj estas atingebla per vagonaro, kiam vi eliras el la stacidomo Ede-wageningen.

La temo estos: "La Mediproblemo, defio por la homaro". Prelegantoj estos la nederlanda biologo, konata al vi, drs Bert de Wit, helpsekretario de la Konsilantaro pri la Medi- kaj Naturesplorado, kiu apartenas al la Ministerio de V.R.O.M. (Popola Leĝigo, Area Planado kaj Medio) kaj la franca ekonomikisto, dr-ino Barbara Despiney, laborantino en la Franca Nacia Centro por Sciencaj Esploroj. Krome ŝi estas komisiito pri U.N.E.S.K.O. Post ĉi tiuj prelegoj ni pridiskutos en grupoj ĉi tiun malfacilan, sed gravan temon. Precipe ĉar la medi-problemo estas monda problemo, ni esperas ankaŭ pri partopreno de S.A.T.-anoj nenederlandaj.

Aliaj programeroj, ne tiel streĉigaj, estos unue prezentado sabatvespere de la jam famkonata Esp. muzik- kaj dancgrupo "Kajto", poste komuna promenado en la bela arbarriĉa ĉirkaŭaĵo de la naturamika domo, origamio (japana paperfaldarto), gvidata de Inge Putter kaj la hinddevena jogo kun Luc van den Hoek.

Vi povas anonci vin ĉe la kasisto de FLE, Peter van Noorden, Dr. Alb. Schweitserlaan 22, NL-1443 WT Purmerend. Se vi aliĝos antaŭ la 1-a de oktobro, la kostoj estos 45,00 guld. post tiu dato 55,00 guld. Se vi jam alvenos vendrede, vi pagos 17,50 guld. pli. Rabato por N.F.I.-anoj (Naturamika Internacio) estas 4,00 guld. post montrado de la membrokarto.

*Sally Krombeen-v. Aartsen, sekretariino F.F*



## Leter-amikoj

- 43-jara fabrikestro deziras korespondi. Temoj: industrio, administrado, ekonomiko, komerca informo. Skribu al: Wang Deming, P.O.Kesto 8815, Shashi, Hubei, Ĉinio.
- 29-jara verkisto el Brazilo deziras korespondi pri diversaj temoj. Bonvolu skribi al: Saulo Zacarias Saraiva da Silva, Cx. Postal 385, BR-36001 Juiz de Fora - MG, Brazilo.
- 20-jara studentino deziras korespondi kun geamikoj el tuta mondo. Interesiĝas pri arto, vojaĝoj ktp. Bonvolu skribi al: Olga Bulanova, Jaroslavskoje ŝosse 12-95, SU-129348 Moskvo, USSR.
- Kovnators Naum volas korespondi tutmonde pri diversaj temoj, sed precipe pri historio, lingvoinstruado, metodikoj de E-instruado, didaktiko kaj kolektado. Levalds Reomars, 25-jara junulo volas korespondi pri diversaj temoj kun alilandanoj, sed prefere kun junulinoj. Li deziras korespondi pri sporto: karateo, kong-fuo, lingvoj kaj vivo en aliaj landoj. Kovnatore Antra, 25-jara virino deziras korespondi pri infanvartado, kuirreceptoj, vivo de virinoj kaj patrinoj en aliaj landoj. Ĉiuj loĝas en unu domo kaj pretas akcepti gastojn el tuta mondo. Reciproka gastado eblas. Adreso: Kaiju str. 42-6, SU-229700 Liepaja, Latvio.
- Juna, 15-jara SAT-ano deziras korespondi kun ge-samideanoj, samhobiuloj, samaĝuloj. Li interesiĝas pri hebrea lingvo, Esperanto, komputoroj. Skribu al: Georgij TUJAKIN, Kornejĉukstr. 33A-114, SU-127543 MOSKVO, Sovetio.
- Juna bulgarino (26-jara) deziras korespondi kun esperantistoj el Novzelando, Aŭstralio, Usono, Anglio, Italio. Interesiĝas pri libroj, lingvoj, kino. Bonvolu skribi al Vesela Pavlova Veselinova, str. "Gogol" n° 14a, BG-1124 SOFIA, Bulgario.

# PROTOKOLO DE LA 64-A KONGRESO DE S.A.T en Ottignies-L.L.N.

Partoprenantoj: 165 gekongresanoj el 15 landoj.

Kongresejo: Ĉi jare ni uzis universitatan konstruaĵon "Montesquieu", en kiu troviĝas pluraj amfiteatroj kun ĉiuj necesaj ekipaĵoj. Ĉiuj kongresaj kunvenoj okazis en tiuj salonoj. La kongresejo troviĝis relative malproksime de la akceptejo kaj la manĝejo. Pro tio la gekongresanoj devis plurfoje tage piediri al kaj reen.

Libroservo: Libroservon prizorgis la nederlandlingva LEA (FLE). Pluraj libroj kaj esperantaĵoj (eĉ tre interesaj brokantaĵoj) estis je la dispono de la kongresanoj.

Kongreslibro: Modesta sed utila kongreslibreto enhavis programon kaj diversajn indikojn pri la ekskurs lokoj.




*La kasistino de la kongreso, k-dino Clémentine Staquet salutas la gekongresanojn. Dekstre: k-do Guy Vanderputten, prezidanto de la OKK, k-doj Y. Peyraut kaj K. Barkoviĉ.*

**INTERKONATIĜA VESPERO .**

Pro manko de sufiĉa nombro da kunlaborantoj, la akcepto kaj registrado de alvenintaj gekongresanoj ne progresis rapide. Oni devis pacienci kaj atendi. Iom post iom tamen ĉio estis farita. Post la vespermanĝo, la unua kongresa vespero okazis en granda amfiteatro de la kongresejo. Kun ĝojo kaj emocio tie denove renkontiĝis malnovaj kaj novaj geamikoj. La anoncita folklora vespero ne okazis pro lastmomenta problemo. Anstataŭe oni povis spekti sur granda ekrano magnetoskopan prezenton de folkloro el Jugoslavio.

**KONGRESA MALFERMO**

Dimanĉe matene okazis malfermo de la 64-a kongreso de SAT. Unue la gekongresanojn salutis kaj bonvenigis la prezidanto de la O.K. K., k-do *Guy Vanderputten*. Li memorigas ke ni samtempe festas la 70-jariĝon de nia asocio. Krome, ĉi jare la unuan fojon SAT kongresas en Valonio, t.e. la franclingva parto de Belgio (jam okazis antaŭe tri kongresoj en Belgio, du en Bruselo kaj unu en Gento - Flandrio). Krome, la ĉi jara kongreso okazas en la plej nova urbo de Belgio. Ĝi estas kreita post grava konflikto inter Flandrio kaj Valonio pri universitato kiu estis dulingva kaj troviĝis en Loveno (Flandrio). Por solvi la problemon, kaj ebligi al franclingva parto de la universitato tamen ekzisti, oni decidis konstrui novan urbon - Nova Luveno en Valonio.

Unue la skriba saluto de k-do Trebitsch el Belgio kiu pro malbona sanstato ne povis mem partopreni. Sekvas la salutoj de diversaj LEA-oj:

Nome de SATEB salutas k-do *John Sykes* kaj deziras sukceson. Por FLE (Nederlanda LEA) salutas k-dino A. Noordewier. Por Germana LEA salutas k-do *A. Stephan* kiu deziras sukceson al la kongreso kaj al SAT ĝenerale. Nome de Sveda LEA la kongreson salutas la sekretario, k-do *P. Persson*. El Aŭstrio por ASLE salutas k-do M. *Hollinger*, kiu informas ke en Aŭstrio kunlaboras ĉiuj esperantistoj.

Nome de SAT-Amikaro (franclingvia LEA) salutas k-do *H. Masson*. En sia saluto li aludas pri la aktuala socia kaj politika situacio en la mondo, la danĝera influo kaj rolo de religiaj ekstremistoj kaj la reviviĝo de naciismoj kaj imperiismoj. Same danĝera estis politika movado kiu "invitis la proletojn de ĉiuj landoj unuiĝi" kaj fakte kreis novan klason por siaj propraj profitoj. Post la disfalo de tiu politika sistemo, la kapitalismo havas liberan vojon por pligrandigi la abismon inter riĉuloj kaj senhavuloj. Kompreneble, tiu situacio kreas grandan minacon por la paco kaj socia harmonio. Ne ekzistas doktrino aŭ ideo, eĉ ne anarkiismo, eĉ ne esperantismo, kiu estus tute ŝirmita kontraŭ naiva kredemo aŭ ne raciaj sintenoj, kontraŭ la detrua efiko de fanatikeco, kontraŭ la avideco de senskrupulaj individuoj. Sincereco kaj bonvolemo ne sufiĉas. La rolo de SAT estas ĝuste malhelpi la aperon de negativa sinteno kiu rezultas el dogmiĝo de la instruoj kiun ĉiu homo ricevas en sia medio. Videble SAT konservas sian ekzistokialon. Ĝi estas eĉ ankoraŭ pli necesa ol iam ajn antaŭe. Sukceson al la 64-a kongreso.

Por la Sovetia SAT-kolektivo salutas k-do *N. Gudskov*. Li samtempe invitas la gekongresanojn al kelkaj aranĝoj en Sovetio (Tomsk, Moskvo) kie ankaŭ aktivos SAT-anoj. El Brazilo salutas nia landa peranto, k-do *G. Ledon*. Bedaŭrinde la brazila SAT-kolektivo ne organiziĝis kiel LEA, kvankam kelkaj junuloj tion celis, sed ankoraŭ ne sukcesis. Li aludas pri la malevoluo en kiun la mondo eniris antaŭ kelkaj jaroj kaj kiun SAT devas priatenti, ĉar tio ĉefe celas la plej malfavoratajn klasojn, t. e. laboristojn.

Nome de *Litova Esperanto-Asocio* salutas k-do *L. Vulfoviĉ*, kvankam li loĝas en Moskvo. Li salutas ankaŭ je la nomo de k-do *Viktoras Baniulaitis*, nia peranto por Sovetio, kiu ne povis veni pro teknikaj kialoj. Li tamen **invitas ĉiujn partopreni venontjare la 65-an SAT-kongreson en Kaunas,** Litovio. Same li transdonas la salutojn de Povilas Jegorovas, vic-prezidanto de Litova Esperanto-Asocio, kiu same invitas ĉiujn al Kaunas (aplaŭdo). La datojn oni konos en septembro sed ĝi devus verŝajne okazi almenaŭ dek tagojn antaŭ la UK en Vieno. En septembro devus aperi la unua informbulteno de la venonta SAT-kongreso. S-ro Jegorovas vojaĝis al UK en Bergen. La nombro de membroj en Sovetio konstante pligrandiĝas kaj verŝajne estos baldaŭ 500 membroj. Fine k-do Vulfoviĉ salutas propranome.

Nome de *Universala Esperanto-Asocio (U.E.A.)* salutas la kongreson k-do *John Rapley*. Li legas leteron de *prof. dr. John Wells*, prezidanto de UEA. Ĝi tekstas: "Okaze de la kongreso de Sennacieca Asocio Tutmonda en Bruselo - Ottignies, Universala E-Asocio nun kongresanta en Bergen, Norvegio direktas al SAT plej varman saluton kaj bondeziron. La apartiĝo de SAT for de UEA kaj de la tiel nomata neŭtrala aŭ burĝa movado okazis en la kadro de la U.K. de Esperanto en Prago en la jaro 1921. Nun, 70-jarojn poste, la politikaj cirkonstancoj estas vere tre malsamaj. Nun ni vidas ne apartiĝon sed proksimiĝon de la

politikaj, sociaj kaj ekonomiaj sistemoj de diversaj ŝtatoj, unuavice en Eŭropo. Same proksimiĝu la esperantistoj. Ne gravas el kiu politika, ideologia aŭ socia grupiĝo por kunlabori en spirito de libereco, justeco kaj homaj rajtoj, por akceli la esperanto-movadon en ĉiuj partoj de la mondo. UEA salutas SAT!"

K-do *Rapley* aldonas kelkajn personajn vortojn, konstatante ke dum la UK oni diskutas multajn diversajn temojn, sed tamen restas temoj netuŝeblaj pro la katenoj de la neŭtraleco. Ekzemple li pensas pri krimoj kun socipolitika origino. "Unu el la plej grandaj moralaj krimoj de la nuntempa mondo estas la manko de klopodo de la plej riĉaj landoj distribui bazajn nutraĵojn al la mortmalsatantoj en la tria mondo. Drogoj principe estas danĝeraj nur al la uzantoj sed la surmerkatigo de drogoj kaŭzis kaj kaŭzas plagon de malgrandaj sed tre malagrablaj krimoj. Alia grava tutmonda krimo alsurfaciĝis en la lastaj kelkaj semajnoj, tiu de internacia, oni povus diri sennacieca banko, kies kolapso pro kriminalaj kaŭzoj suferigos centojn da miloj da ordinaraj homoj. Mi esperas ke en la SAT-kongresoj kaj en la liberaj eldonaĵoj de SAT oni severe draŝos tiuspecan koruptan ekspluatadon de homo fare de homo. Gekamaradoj, la konata maksimo de "eksternacia sent', pens - kaj agadkapablo estas same valida hodiaŭ kiel antaŭ 70 jaroj. Ĉi tiuj ne estas la plej facilaj tagoj en la historio de SAT, sed SAT renkontis en la lastaj 70 jaroj ankaŭ aliajn krizojn, frontis ilin kuraĝe kaj venkis ilin. SAT faros tion denove, eĉ dum tiu ĉi kongreso. Mi sincere deziras al la gvidantoj kaj al la kongresanoj forton kaj kuraĝon."

Nome de svisaj SAT-anoj kaj de la Naturamika Internacio salutas k-dino *E. Döring*.

K-dino *S. Bernard* salutas nome de E-Gironde kaj invitas al la SAT-Amikara kongreso kiu okazos en Bordozo venontjare dum Pasko.

Nome de SAT-anoj el Bulgario salutas nia landa peranto, k-do *G. Damjanov*. Nun estas 155 SAT-anoj en Bulgario kaj li esprimas la esperon ke baldaŭ okazos SAT-kongreso en la urbo Kazanlak, Bulgario. Sukceson al la kongreso.

F-ino *C. Hermouet* salutas memore al en majo forpasinta kamarado *E. Gabalda* (aplaŭdo).

El Bulgario salutas propranome kaj nome de BELA k-do *A. Josifov*.

Kamarado *H. Schmid* el Aŭgsburgo salutas la kongreson kaj invitas al venontjara kongreso por pli aĝa generacio.

K-do *J.C. Lang* legas la salutleteron de gekamaradoj *Magnani* el Francio.

Juna bulgara ĵurnalistino *Rumjana Ivanova* emocie salutas la kongreson kaj dankas al siaj geamikoj el Belgio kiuj ebligis al ŝi partopreni la kongreson.

K-do *Vanderputten* legas la leteron de Espeurope kiu pledas por enkonduko de Esperanto en lernejojn.



*K-do Henriko Masson salutis la kongreson nome de SAT-Amikaro.*

K-do *Barkoviĉ* transdonas la salutojn de *k-do Paul Signoret*, redaktoro de Sennacieca Revuo, de *ge-kdoj Fornal* kaj de *k-do Wearing* el Aŭstralio kiu petas ke la SAT kaj UEA kongresoj ne okazu samtempe. Fine li salutas la kongreson propranome.

K-do *Yves Peyraut*, prezidanto de la SAT-Plenumkomitato alparolas la kongreson. Li klarigas ke pri la samdateco de ĉi-jaraj du kongresoj ne kulpas la OKK sed la cirkonstancoj. Lastjare al la kongreso en Linz povis veni relative multaj SAT-anoj el Orienteŭropaj landoj, pro grandaj ŝanĝoj kiuj okazis en tiuj landoj. Ni ĉiuj ĝojis pri tio. Sed, neniu povis imagi ke komence de ĉi tiu jaro okazos milito en Persa golfo. Do, en februara numero de S-ulo, kvankam ni tion faras malofte, la PK de SAT faris deklaron kontraŭ tiu milito. Neniu SAT-ano protestis, sed en Novzelanda Esperantisto frontpaĝe aperis artikolo de la redaktoro John Major titolita "Fatala eraro de SAT", en kiu li kritikas tiun nian deklaron. Ni respondos al tiu ĉi artikolo. Bedaŭrinde, en nuna momento la sango estas denove verŝata kaj temas pri milito en Jugoslavio. Ankaŭ en tiu problemo, ni SAT-anoj ne havas rajton ne havi pozicion. Ni vidas ke pro naciismo oni batalas en tiu lando kaj ankaŭ en la aliaj. En SAT ni ne pretendas subteni la naciismajn tezojn, sed tiom longe, kiom en iuj landoj iu popolo havas la impreson ke alia popolo subpremas ĝin, oni povas kompreni ke tiuj subpremataj popoloj, etnoj, ribelas por senti sin liberaj. Nur kiam oni estas liberaj, oni povas pensi sennacieca. Pri tio ni devas inter ni serioze debati.

Fine ni revenu al SAT. La situacio financa de SAT estas en tre malbona stato pro manko de membroj ĉefe en okcidentaj landoj. Sed pri tio ni diskutos dum niaj laborkunsidoj.

Ni ĉiuj aŭdis la salutleteron de UEA kiu invitas nin al proksimiĝo kaj kunlaboro. Ni estas daŭre pretaj kunlabori kun UEA sur la lingva tereno. Sed la aktuala evoluo de la socio en la mondo praviĝas daŭran ekziston kaj bezonon de SAT. Nia neneŭtrala Asocio devos nepre ekzisti paralele kun la neŭtrala UEA por povi efike plenumadi siajn celojn.

Li salutas ĉiujn kaj proklamas la 64-an kongreson malfermita.

K-do *Guy Vanderputten* pardonpetas al ĉiuj, kiuj deziris aliĝi al tiu ĉi kongreso, kaj kiujn oni devis rifuzi pro financaj problemoj. Temas ĉefe pri gekamaradoj el nepagipovaj landoj.

Sekvas komuna fotado.

Posttagmeze okazis kunvenoj de *Naturamika estraro*, la *Jarkunveno de TANEF* kaj la kunveno de *Naturista frakcio*.

Je la dudeka horo, kamarado Yves Peyraut faris tre interesan prelegon pri la temo: "Dek jaroj de liberaj radioj en Francio".

**UNUA LABORKUNSIDO**

Lundon matene okazas la I-a laborkunsido. Oni elektas la prezidantojn de la laborkunsidoj: *k-don Scherm, Vulfoviĉ, Peyraut kaj k-dinon Saskia Veen.* La unuan laborkunsidon prezidas k-do *M. Scherm*. K-do Barkoviĉ legas la nomojn de forpasintaj gekamaradoj. K-do Scherm legas la unuan paragrafon de la raporto de la P.K.

Al la demando de k-do *Krombeen*, k-do *Peyraut* klarigas pri la stato de la proceso kun la najbara metiisto pro la malgranda ejo kiun ni jam de jardekoj uzas. Ni ankoraŭ ne scias ĉu ni sukcesos gajni tiun proceson. Ni devas atendi la evoluon de la tuta afero. Nun nia kontraŭulo eventuale devas deklari ke li volas daŭrigi tiun proceson. Povus okazi ke la tribunalo decidu, ke la ejo apartenas nek al ni nek al nia kontraŭulo, sed al la




*Nome de Universala Esperanto-Asocio salutis la kongreson nia kamarado Johano Rapley.*

komunumo. Tamen ni okupas ĝin jam de pluraj jardekoj.

K-do *P. Levi* gratulas al la Plenum-Komitato, kiu prenis pozicion, ne partipolitikan sed satecan. Temas pri la artikolo en februara numero, kie la PK kondamnis la militon en Persa Golfo kaj la intervenon de ruĝa armeo en Baltaj landoj. Li proponas tamen ke estonte en simila kazo oni prefere ne kondamnu du aferojn samtempe en la sama teksto, sed faru du apartajn tekstojn. Povas esti ke kelkaj personoj aprobas unu aferon kaj ne alian. Tiel la PK havos pli da aprobo kaj subteno.

K-do *R. Amable*, demandas kia estis la situacio pri tiu ejo dum la milito? K-do *Peyraut* respondas ke ni estis luantoj de tiu ĉi ejo jam antaŭ la milito sed aĉetis ĝin post la milito.

K-do *K. Barkoviĉ* respondas al k-do Levi, ke la deklaron en februara numero ne faris SAT nek SAT-anaro sed nur la membroj de la Plenum-Komitato. Do, evidente, la membraro ne nepre devas konsenti kun tiu, kaj eĉ ni ricevis unu negativan reagon de iu membro.

K-do *R. Grandière*, aldonas unue al la temo pri la proceso, ke ni nepre devis dungi advokaton kaj tio estas tre kosta. Krome, li esprimas sian plenan subtenon al la deklaro de la P.K. kiu aperis en februara numero de S-ulo. Ambaŭ eventoj, la Golfa milito kaj la liberiga batalo de la Baltaj landoj, ĉefe de Litovio, meritis tiun sintenon de la Plenum-Komitato, nome de la anaro, kaj li supozas ke la plimulto (krom kelkaj, kiuj rajtas havi alian opinion) povas subteni ĝin. Nu, pri la Golfa milito ĉiuj samopinias sed kelkajn ĝenas la subteno al Baltaj landoj.

*K-do Prevost*, ankaŭ subtenas la deklaron de la P.K. kaj klarigas ke en tiaj momentoj la P.K. ne povis kontakti la membraron sed devis alpreni pozicion.

*K-do Jacobs*, opinias ke oni ne devas nur limigi sin al tri Baltaj respublikoj, sed pritrakti la tuton. Temas ankaŭ pri la aliaj respublikoj de la sovetia imperio. *K-do Peyraut* subtenas tiun rimarkon de k-do Jacobs. En la deklaro, la P.K. kondamnis du imperialismojn samtempe; tiun de Irako kaj tiun de U.N., ĉar ili faris tion nur ĉar Usono volis fari tion.

<u>*SAT-Adresaro*</u>: la prezidanto legas tiun paragrafon. K-do *G. Damjanov*, klarigas ke multaj el novaj membroj ne aperas en ĝi. Li proponas ke en la periodo inter la du aperoj de la Adresaro, oni aperigu suplementon al la Adresaro.

*K-do P. Persson*, petas klarigon, kial oni estas devigata aĉeti la lazeran printilon?

*S-ino Grela*, opinias ke kiam en la kongresoj aperas novaj vizaĝoj, indas ilin gardi. Tre ofte ili estas komencantoj kaj ne partoprenas la laborkunsidojn pro nesufiĉa kono de la lingvo. Do, estus bone organizi por ili perfektigan kurson. Tio estas grava manko en ĉiuj E-renkontiĝoj.

*K-do Jacobs*, konstatas ke regule malaperas membroj kaj ni devus dediĉi pli da tempo al tiu problemo. Dum la solena malfermo nepre devus esti reprezentantoj de sindikatoj, de laboristaj movadoj, por ke ili konstatu la etoson en nia movado. Do ni nepre devas klopodi en tiu senco.

*K-do Marcelo Ternant*, atentigas, ke oni ne plu krokodilu en nia kongreso sed parolu Esperanton. La novuloj venas por alkutimiĝi al Esperanto. "Se tiam, kiam mi fariĝis esperantisto, oni tiel krokodilus, mi certe ne estus ĉi tie hodiaŭ".

*K-dino N. Caragea*, demandas la OKK-anojn ĉu ili invitis la reprezentantojn de sindikatoj, partioj ktp?

*K-dino A.S. Markov*, kiu revenas al la SAT-kongreso post 11 jaroj kaj volas paroli pri malapero de membroj.(Ja ŝi mem ankaŭ malaperis). Ŝi klarigas, ke ŝi aliĝis al SAT pro la bonega Statuto. Eble ne aliĝas pli da personoj pro nekono de la Statuto de SAT. Oni ankaŭ devus kiel eble plej agi kaj konduti laŭ tiu Statuto. Pri la krokodilado, ŝi klarigas ke ofte esperantistoj havas neesperantistajn kunulojn. Do, kun ili oni devas krokodili, se oni ne deziras perdi la interesiĝantojn pri SAT. Kvankam ŝia edzo estas esperantisto, ŝi ne sukcesis varbi lin al SAT. Do, tio devus esti la laboro de aliaj SAT-anoj.

*K-do Prevost*, proponas ke komence de la kongreso oni kunvenigu ĉiujn komencantojn kaj tiel oni diskutos kun ili kaj ili estos akceptitaj.

*K-dino Caragea* deklaras, ke la lingva nivelo de la SAT-kongreso estis pli alta ol tiu de U.K.

*K-do* N. *Freud*, klarigas, ke laŭ la enketo interne de la J.F. la plej multaj respondoj estas por la modernigo de la Statuto.

*S-ino Grela*, informas k-dinon *A.S. Markov*, ke por ŝiaj infanoj estus interesaj ĉiujaraj familiaj renkontiĝoj de E-familioj, ĉefe organizataj de familio Csiszar.

*K-do Marc Ternant*, ĝojas aŭdi reprezentanton de la Junulfako kaj bedaŭras ke neniu el la Junulfako salutis hieraŭ dum la malfermo. Li ŝatus havi la klarigojn pri kiaspeca modernigo de la Statuto temas?

*K-do P. Levi*, klarigas ke fakte oni priparolos pri tiu temo poste. Pri la membraro, nun oni parolas pri subita kresko de la membraro. Tio estas ligita al la evoluo de la mondo, sed tio starigas problemon al la Asocio. Unuflanke, malaperas membroj pro la naturaj leĝoj kaj alvenas novaj membroj el nepagipovaj landoj. Pri tiu problemo ni devos esti pretaj, tiel ke SAT ne mortu pro sia propra kresko.

*K-do N. Freud* nur klarigas ke aĉetante la lastan numero de "Junulfako prezentas sin" oni povas informiĝi pri la eventualaj statutŝanĝoj.

*K-do J. Sykes*, revenas al la temo pri invito de sindikatoj al nia kongreso. Laŭ li, ni devas unue reorganizi niajn kongresojn por ke ili estu pli allogaj. Se ili venus al la nuna kongreso, ĝi tute ne estus interesa por ili. Krome, kial pluraj el niaj membroj preferis iri al Bergen anstataŭ partopreni SAT-kongreson.

*K-do Prevost*, konstatas ke ni devus inviti simplajn respondeculojn de sindikatoj kaj ne gravulojn.

*K-do Suarez*, opinias ke ni devus pli energie ĉiuj labori kaj varbi al SAT. Tio estas devo de ĉiu SAT-ano. Ni ankaŭ devus helpi kiel eble plej la junulfakon de SAT ĉar estas la junuloj kiuj allogas.

*K-do Barkoviĉ* respondas al k-do Persson pri la devigo aĉeti lazeran printilon. Fakte, pro la malapero de la luanto kaj altaj prezoj, ni efektive estis devigataj aĉeti ĝin. Nun ni ĉion faras per komputoro kaj la aĉeto estis la plej malmultekosta solvo. Dank'al nia fratorganizo SAT-Amikaro, kaj havante certan rabaton, ni povis aĉeti ĝin. SAT-Amikaro pagis la duonon. Pri la invito de reprezentantoj de sindikatoj kaj partioj, estas efektive necesa, sed tion devus fari la SAT-anoj el la lando kie okazas la kongreso. Tion ne povas fari la P.K. en Parizo.

*K-do Peyraut*, informas ke dum la

SAT-Amikara kongreso en Amboise estis invititaj multaj tiaj respondeculoj. Li donas ciferojn pri la evoluo de nia membraro en la lastaj jardekoj. Responde al k-do Sykes, li informas, ke ni absolute ne povis eviti la samtempecon de nia kongreso kun la UK kaj pro tio ni perdis kelkajn kongresanojn.

Administrado:- legas k-do Scherm. Nenia reago.

Rilatoj kun LEA-oj: K-do Persson post la legado de la teksto proponas ke oni sendu al la redaktantoj de LEA-gazetoj la proprajn LEA-organojn. Tiel oni povos serĉi ideojn kaj informiĝi pri la aktiveco de aliaj LEA-oj.

*K-do Grandière*, faras rimarkojn pri LEA-Komitato. Ĉiuj konsciaj SAT-anoj komprenas ke la rolo de la diversaj LEA-oj estas ne nur provi havigi membrojn al SAT sed ankaŭ realigi tiun provon. Pro tio la diversaj LEA-oj devas esti memstaraj, fari sufiĉe da laboro en sia lingva teritorio (instrui Esperanton, varbi novulojn kaj instrui ilin tiel ke ili fariĝu SAT-anoj). La sorto mem de SAT estas intime ligata al la aktivecoj de la LEA-oj. La fakto estas ke en diversaj LEA-oj estis tendencoj ligataj al lokaj moroj kaj situacioj, kaj oni rimarkas ke kiam iu LEA-o iom cedas el sia sendependeco favore al Esperanto, (kuniĝo, komuna gazeto ktp), la rezulto estas ĉiam malfavora al la LEA-o. Jen du ekzemploj: en Nederlando, FLE en sia bonega periodo estis absolute memstara kaj pli grava ol neŭtrala movado. Ĝi tre proksimiĝis al aliaj organizoj, kunlaboris kaj havis komunan gazeton. Rezulto: antaŭ la milito en la memstara periodo ĝi havis pli ol 5000 membrojn kaj nun 400. Tio estas nur konstato. Alia ekz. estas SATEB. Ĝi havas sendependecon, kunlaboras kun neŭtraluloj kaj ne estas absorbita. Tie eĉ neŭtraluloj dediĉas tutan paĝon favore al SATEB. La kunlaboro ne estu unusenca sed ambaŭsenca. Kiam temas pri SAT-Amikaro, ĝi ne povas fide kunlabori kun la neŭtraluloj. Tio ne signifas ke ĉiuj neŭtraluloj estas lepruloj. Inter ili estas tre bonaj esperantistoj kiuj eĉ ŝatus kunlabori, sed la etoso ĉe la estraro ne estas favora al kunlaborado. Ĝi estas favora al absorbo de SAT-Amikaro. Pro tio SAT-Amikaro havas tute sendependan politikon. Oni kunlaboras kun ili en Franca E-Instituto. Pasintjare la membraro de SAT-Amikaro kreskis je 9,5 % kaj nun estas pli ol 600 membroj. Tio estas la rezulto de laboro. Tiel la sendependa agado de du asocioj estas pli favora al Esperanto ol se estus komuna laboro. Fine li substrekas la devon de LEA-oj varbi novajn membrojn por SAT, kaj en tiu malbona financa situacio, kiu espereble ne daŭros longe, helpi por ke oni trapasu tiun krizon.

*K-do Jacobs*: jam antaŭ jaroj li faris proponon ke oni adoptu laborterenon de tiuj LEA-oj. En Belgio fakte estas du LEA-oj, SAT-Amikaro por franclingva parto kaj FLE por nederlandlingva parto.Oni ne povas imagi la malfacilaĵojn kiujn provokas tia situacio. Hodiaŭ oni vidas la rezulton de tiu afero. Povas esti ke post 20 jaroj ne plu estos SAT-anoj en Belgio. Ĉu la Germana LEA ankaŭ funkcias en Aŭstrio kaj Svislando? Ĉu la hispana LEA ankaŭ funkcias en Sud-Ameriko. Oni devus serioze pritrakti tiun problemon.

*K-do Krombeen*, bone komprenas k-don Jacobs kaj klarigas ke FLE havas en la nederlandlingva teritorio de Belgio nur kelkajn anojn (unu aŭ du). Do, FLE havas nenian influon en Flandrio. Fakte Flandrio por FLE ne plu ekzistas.

*K-do Grandière*, informas ke SAT-Amikaro havas iom malpli ol 100 membrojn en Valonio. Fine de tiu punkto pri LEA-oj, li havas proponon. Inter la plej aktivaj LEA-agantoj estas kamaradino E. Prent el SATEB, bone konata de multaj el SAT-anoj. Ŝi estas malsana kaj ni sendu al ŝi salutojn el la kongreso, kun deklaro ke ĉiuj kongresanoj salutas ŝin kaj bedaŭras ke ŝi ne povas ĉeesti, ĉar ŝi malgraŭ sia sanstato daŭre faras tre kontentigan laboron favore al SATEB kaj ankaŭ favore al SAT. Ŝi estas sekvinda, modela kamaradino rilate al aktivecoj en la SAT-medio (aplaŭdo).



*El Moskvo salutis nin k-do Nikolao Gudskov*

Rilatoj kun TANEF: k-dino E. Döring raportas pri la okazinta kunveno de TANEF. Estas decidite ankaŭ venontjare kunveni dum la SAT-kongreso, espereble en Kaunas.

Landaj perantoj: nenia komento.

Solidarservo: sen komento.

Per tio finiĝas la unua laborkunsido.

Fine *k-do Vanderputten* legas kelkajn salutojn inter kiuj de k-do Serverius Gerard el Belgio kiu estas veterano de SAT kun matrikulo 420, 95-jaraĝa. Li faris gravan donacon al SAT, kaj nun troviĝas en hospitalo. Krome alvenis saluto de gekamaradoj Fornal. El Turkio venis saluto de k-do Kan. Fine saluto de la urbestro de Ottignies.

Posttagmeze ni ĉiuj foriris al la duontaga ekskurso kie ni vizitis la kastelon de Beloeil kaj la Belgion en miniaturo.

Vespere *k-dino Kimie Markarian* prezentis al ni japanan tradician kalkulmetodon - sorobano.

**DUA LABORKUNSIDO**

Prezidas *k-do Leo Vulfoviĉ*. Li legas tekston pri la kasraporto. *K-do Lebec*, kasisto de SAT donas kelkajn informojn pri la raporto el Sennaciulo kaj pri la financa raporto. La financoj de SAT ne estas tre komfortaj ĉar ni havis sufiĉe grandajn elspezojn por la ekipiĝo kaj krome pli ol 40 % de la membroj estas el nepagipovaj landoj. Do, ni devos trovi solvon.

*K-do Theobald*, demandas klarigojn pri la diferencoj en la ciferoj inter la kasraporto en Sennaciulo kaj financa raporto. K-do Lebec klarigas ke ili ne estas la samaj ĉar la prezentado ne estas la sama. En la kasraporto estas indikitaj nur efektivaj spezoj kaj la raporto financa enhavas ankaŭ la ŝuldojn kaj movojn de la kaso tra perantoj.

*K-do Gudskov*, konstatas, ke la membroj el nepagipovaj landoj fariĝas grava financa ŝarĝo por la asocio. Sennaciulo komencas aperi neregule pro manko de mono. Tio estas vera problemo, kaj oni devas ion fari. Li proponas fari kiel UEA kiu akceptas individuajn membrojn el nepagipovaj landoj, sed kun limigo laŭ la kvotoj por la landoj. Ekz. ili indikas kiom da membroj maksimume ili povas akcepti el ĉiu lando.

*K-do Lebec* opinias ke ni ne povas facile akcepti tiun proponon, ĉar ni devas ĉion fari por ke ĉiu persono kiu akceptas la Statuton de SAT povu aliĝi al la asocio. Limigi la kvanton de aliĝoj ne estas ŝatata. Ni provos trovi alian solvon. Ekz. por la kongreso en Kaunas venontjare, la kongresontoj el okcidentaj landoj pagos aliĝkostojn rekte al Parizo per okcidenta mono kaj ni pagos por ili per rubloj kiuj kolektiĝis en Sovetio. Tiel ni tamen povos uzi tiun monon.

Vi sciu ke por sendi la jarserion de Sennaciulo en Eŭropo kostas ĉirkaŭ 37 frankoj. Por tiuj landoj ni sendas pakojn de la gazeto al la perantoj (krom en Sovetunio kie pri tio zorgas k-do Vulfoviĉ), kiuj poste mem dissendas al individuoj interne de la lando, uzante por tio la monon kiun ili tenas. Tio kostas entute iom pli al la asocio sed estas rimedo por uzi parte la monon kiun alimaniere ni ne povus havi. Tiamaniere la ekspedo por la jaro kostas 5 frankojn po persono. Tio tamen estas granda diferenco.

Krome ni povas eventuale ricevi librojn el tiuj landoj kiujn ni provas revendi. Libroservo de SAT-Amikaro helpas al ni pri tio kaj ni invitas aliajn LEA-ojn fari same. Ni invitas ankaŭ la perantojn el tiuj landoj eventuale trovi aliajn rimedojn por rehavi tiun monon.

*K-do Levi*, konstatas ke tiu problemo estas malnova. La ekzemplo de UEA ne estas akceptebla por SAT. Li esprimas la deziron ke kiam iu kamarado esprimas la deziron aliĝi al SAT, li ne estu malhelpata en tio pro ekonomiaj kaŭzoj. Laŭeble oni uzu la kolektitan monon en la lando mem kie ĝi estas kolektita.

*K-do Barkoviĉ* deziras starigi demandon al sovetiaj kamaradoj. La asocio jam deziris eldoni librojn en Litovio sed la respondo estis ke la presejo postulas pagon per okcidentaj valutoj. Li dezirus scii, ĉu, se la sovetia SAT-kolektivo eldonas ion, ĉu ankaŭ ĝi devus pagi per fremda valuto? Se ne, tiam eble nia sovetia SAT-kolektivo povus eldoni por SAT iun libron, kaj poste sendi tiujn librojn al ni. Kiam iu eksterlanda asocio ion mendas ili postulas fremdan valuton, sed se tion faras iu enlanda asocio, ili ne povas postuli pagon per fremda valuto. Ĉu do tio eblas?

*K-do Vulfoviĉ* respondas ke estas problemo pri papero kaj ankaŭ pri la kvalito.

*K-do Gudskov* informas ke la prezo de papero kreskis jam je 2000 % kaj tipografia laboro je 200%. Krome, la malgrandaj kvantoj kiujn eldonas SAT tute ne estas interesaj por sovetiaj entreprenoj. Oni devus atendi ankoraŭ kelkajn jarojn ke la situacio stabiliĝu kaj ĉio estu pli klara.

*K-do Peyraut* ripetas, ke la ekzemplo de UEA tute ne estas akceptebla . Ni ne povas rifuzi gekamaradojn el nepagipovaj landoj, sed ni devas trovi aliajn solvojn.

*K-do R. Grandière*, persone konkludas jenon: efektive oni ne povas trakti SAT-anojn el nepagipovaj landoj kiel submembrojn. Ili nepre devas esti plenrajtaj SAT-anoj kiuj ricevas ĉiujn eldonaĵojn de SAT. Sed, la mono kiu kolektiĝas en tiuj landoj, pro inflacio de tago al tago perdas la valoron kaj ni devas uzi ĝin kiel eble plej baldaŭ. Li havas ideon pri la uzo de tiu mono: pro manko de mono Sennaciulo nun aperis kiel trimonata kaj nur 12-paĝa. Do, li proponas ke se tio teknike eblas, oni aperigu unu aŭ du numerojn de Sennaciulo en Sovetio. Tio estus ke k-do Barkoviĉ redaktus la gazeton, sendus jam pretajn paĝojn al Sovetio kaj ili presigus kaj dissendus, uzante la kapitalon kiu tie kuŝas. Oni provu tion fari tuj, kvankam oni anoncis ke la numero estas trimonata. Pri tio do ni pripensu kun sovetiaj kamaradoj, kaj faru ĉion por tion fari. Ni ne povas vivi se ni ne povas aperigi regule nian organon. Tamen li precizigas ke tiuj numeroj de Sennaciulo ne estus organo de sovetianoj, ĝi ne spegulus precize la vivon de SAT-anoj en Sovetio (povus esti rubriko pri tio), sed ĝi estus redaktata en Parizo kaj presata en Moskvo.

Krom tio li emfazas, ke la laboro pri tiuj kontoj estas tre grava kaj k-do Lebec multe laboras, senbrue pri tio, ĉiutage, kaj li meritas ke oni danku al li pro la aperigo de tiel precizaj kontoj. (*aplaŭdo*)

*K-do Lebec* precizigas ke fakte kutime aperas en tiu periodo dumonata numero kaj per tiu trimonata ni ŝparis unu numeron. Pri la propono aperigi unu numeron de Sulo en Sovetio ne estus bone ĉar verŝajne en tiu kazo la membroj ricevus unue la novembran numeron presita en Nederlando kaj poste la oktobran presita en Sovetio, ĉar la poŝtaj rilatoj estas malfacilaj kun Sovetio. Oni povus tion fari por Sennacieca Revuo kiu aperas jare, sed ne por S-ulo kiu devas regule aperi ĉiumonate.

*K-do Barkoviĉ* klarigas kiamaniere nun funkcias la presado de Sennaciulo, kaj li timas ke la rilatoj kun Sovetio estus ankoraŭ pli malfacilaj. Unue la poŝtaj rilatoj estas malfacilaj, krome oni bezonus havi peranton por la kontakto kun la presisto pro lingva baro.

*K-do Grandière* respondas, ke estas malfacile solvi la teknikajn problemojn ĉi tie. Temas nun pri principa sinteno. La rusaj kamaradoj kaj la redaktoro devus renkontiĝi kaj pridiskuti la aferon. Tiel eble povus aperi en septembro jam numero el Sovetio. Ni provu eviti ke la regula aperado estu interrompita.

*K-do Vulfoviĉ* parolas pri la preteco de *k-do Minin* presi por SAT sed bedaŭrinde la kvalito estas ankoraŭ malbona. Do, li opinias ke ankoraŭ nun la sovetianoj ne estas pretaj por fari tiun laboron. Sennaciulo nun estas plej potenca altirilo al SAT kaj ĝi nepre ne devus perdi en sia aspekto, kaj sia regula aperritmo.

*K-do Damjanov* informas ke en orienteŭropajn landojn ne eniras nur Sennaciulo sed ankaŭ aliaj E-gazetoj. Do, se la teknika aspekto de Sennaciulo estos malbona, ĝi certe perdos la abonantojn. Por uzi la monon kiu kolektiĝas en Bulgario li proponas la uzon de la E-domo en Pisanica por organizi aranĝojn. La okcidentanoj devus pli ofte viziti tiujn orientajn landojn kaj uzi tieajn eblecojn.

*K-do Krombeen*, alvokas okcidentajn gekamaradojn doni monon al SAT por plenigi la helpofonduson.

*K-do Barkoviĉ* klarigas ke oni devas esti certa ke la kompostaĵo atingos la presiston, ĉar se ĝi perdiĝas, tiam oni devos tute refari la gazeton pro la fotoj kiuj estas unikaj. *K-do Grandière* proponas ke tiuj numeroj kiuj estos presitaj en Sovetunio estu sen fotoj.

*K-do Prevost* proponas ke en la lokoj kie estas grupoj oni povus sendi unu ekzempleron al la grupo kaj tiel ŝpari.

*K-do Grandière* opinias ke oni ne devas ŝpari per la nesendo de la gazeto, kaj estas aliaj manieroj por ŝpari. Ĉiu devas ricevi la eldonaĵojn de la asocio kaj esti komplete informita.

*K-do Suarez* opinias ke por helpi al gekamaradoj el nepagipovaj landoj oni devus plialtigi la kotizon en pagipovaj landoj.

*K-dino v. Hulst* opinias ke la sendanto devus zorgi pri la enŝovo en la gazeton de du referendumiloj kiam estas familia membro sen gazeto. *K-do Lebec* opinias ke tutsimple oni fotokopiu la referendumilon.

*K-do Levi* atentigas ke tiujn problemojn oni ne povas solvi dum tiu ĉi kongreso. Oni devus varbi pli da membroj en la okcidento, kio solvus la problemojn. La gekamaradoj el nepagipovaj landoj ne alportas facile uzeblan monon sed alportas multon alian kaj plifortigas la asocion.

*K-do Vulfoviĉ* aldonas ke fakte en Sovetio aliĝas al SAT preskaŭ nur gejunuloj kaj tio estas tre grava fenomeno.

*K-do Grandière* faras principan demandon, ke la PK kaj la perantoj antaŭvidu eventuale ŝanĝojn en la kotizoj, tiel ke eniru pli da mono en la kason: ekz. dumvivaj membroj, antaŭpago de kotizoj por pluraj jaroj, forigo de la duonkotizo por senlaboruloj kaj emeritoj, plialtigo de la kotizoj por la junuloj kiuj laboras. Iu junulo kiu laboras povas pagi plenan kotizon, iu senlaborulo kiu foje gajnas pli ol aktiva laboristo (tio okazas!) ankaŭ povas pagi.

*K-do Lebec* precizigas ke ĉi jare oni antaŭvidis kreon de <u>helpkotizo</u> kio estus la duoblo de la plena kotizo. Tiuj kiuj estas sufiĉe monhavaj kaj fervoraj membroj povos pagi la duoblon de la plena kotizo. Tio estos formo de helpo por parte kompensi la neeblon uzi monon el nepagipovaj landoj.

*K-do Prevost* opinias tiujn proponojn bonaj kaj proponas ke tie kie estas pluraj membroj en la familio, ĉiuj pagu plenan kotizon, sed oni tamen precizigu ke tio ne daŭros eterne.

*K-do Vulfoviĉ* aldonas ke sovetianoj devus batali por la konvertebleco de la rublo.

Oni voĉdonas pri la financa raporto. <u>Akceptita kun unu sindeteno.</u>

<u>*Sennaciulo*</u> - tiun paragrafon legas k-do Vulfoviĉ.

*K-dino Caragea*, ŝatas la ŝercojn sed dezirus ke la vezikoj enhavu la esperantajn tekstojn kaj ne naciajn. *K-do Barkoviĉ* respondas ke tio eblus, sed oni devus ne tro ŝanĝi la aspekton de la karikaturoj kiuj aperis en naciaj gazetoj, por ne havi eventualajn problemojn.

*K-do Prevost* opinias ke ne estas danĝero aperigi ŝanĝojn kaj tion li faris sendante desegnojn al Sennaciulo. *K-do Vulfoviĉ* demandas kial ne estas rubriko <u>"deziras korespondi"</u> en Sennaciulo.

*(daŭrigo kaj fino en venonta numero)*

# VIAJ OPINIOJ

Pri la enhavo respondacas la aŭtoroj mem

## LEGANTE SENNACIULON

Marta numero aperigis gvidrezolucion de la Naturamika internacio titolita: "Manifesto por nova Eŭropo". Inter la elvokitaj problemoj mi citas:

- La socioj en kiuj ni vivas estas konstruitaj el elĉerpiĝo de gigantaj riĉofontoj, el detruoj de tutaj etnoj kaj ekologiaj sistemoj.

- 26 % de la homaro kiuj vivas en industriigitaj kapitalistaj landoj konsumas 80% de la energio kaj 78 % de la krudaj materioj.

- Nun estas pli da malsatuloj ol neniam antaŭe.

- En multaj regionoj de la tria mondo la vivkondiĉoj ne pliboniĝis, eĉ male malpliboniĝis. 770 milionoj da personoj estas subnutritaj, 14 milionoj da infanoj ĉiujare mortas pro malsato.....

Jam en 1952 brazila ekonomiisto, Josua de Castro traktis malsatproblemojn en sia libro "Tutmonda politiko de la malsato". En 1972, franca agronomo, René Dumont atentigis nin pri senbrida konsumado en sia libro "La utopio aŭ la morto". Ankaŭ svisa sociologo Jean Ziegler, en pluraj libroj denuncas la rabeman politikon fare de niaj evoluintaj landoj. Alvin Tofler, usona ekonomiisto analizas pesimisme la venontan homaran situacion en sia libro "La kolizio de la estonto". Malofte tiuj temoj estas serioze pritraktitaj en Sennaciulo kaj legante en ties februara numero la respondon de la P.K. al eksiĝinta membro, mi estis konsternita pri aserto jena: "Per siaj salajroj, la francaj instruistoj povas NUR VIVTENI". La salajra hierarkio ja ne lokigas instruistojn sur la plej altan ŝtupon, sed komencanto ricevas 15-oblan salajron kompare al tiu de ekz. ĉeĥoslovakia instruisto. Post 25-jara praktikado tiu diferenco povas fariĝi 30-obla. Ni povis tiun fakton sperti dum la SAT-kongreso en Linz. Dum franca instruisto povis loĝi en la kongresejo, en tre komforta ĉambro, lia ĉeĥoslovakia kolego devis loĝi 4 km for, en amasloĝejo, kaj por partopreni la kongresajn kunsidojn kaj distrajn vesperojn, eĉ trambileto estis por li gravega elspezo.

Alia kompara punkto: la francaj instruistoj provizas sin pere de perkoresponda kooperativo, elektante objektojn, aparatojn en katalogoj kiuj proponas bonkvalitajn varojn. Ankaŭ aĉetado povas okazi en magazenoj, kiuj ne spiras malriĉecon, precipe en pariza kooperativo.

Tamen, niaj industriigitaj socioj entenas gravajn diferencojn, kiuj malfavoras ĉefe la laboristojn, kiuj venas el malriĉaj landoj. Fakte ili estas tempmodernaj sklavoj. Kapitalista sistemo kulpas, sed ĉu nia sinteno ne similas al vulturoj, kiuj postulas de la leono la restaĵojn de disŝirita malfeliĉa viktimo? Ni ne devas helpi al pliprofundigo de la suferoj. Vera farenda batalo estas lukti por pli justa dispartigo de la tutmonda riĉeco. Niaj industriigitaj landoj kanalizas vivrimedojn de la malriĉaj al la riĉaj landoj, kie ne regas malsato, sed kie ekskluditoj de la montrita riĉeco estas multaj. En Francio 8 milionoj da personoj disponas nur la duonon de la meza enspezo kaj tio estigas konfliktojn, frakasadojn, rabadojn de magazenoj kies montrofenestroj montras objektojn, kiujn ili ne povas aĉeti.

En marta numero de S-ulo, J.P. Orliange sugestas, ke nia Statuto ne kongruas kun nuna tutmonda situacio kaj proponas "progresigi al pli justa kaj egaleca socio" anstataŭ "klasaj celoj de la laboristaro". Al tiu propono, P. Levi kontraŭas en maja numero kroĉigante sin al skemoj kiuj evoluis. Li skribas: "pri ĉiutagaj problemoj de vivkondiĉoj la junuloj bezonas pristudi". Necesas diri al k-do Levi ke la junuloj, J.P. Orliange, SAT-forlasintoj (en januara numero la P.K. plendas, ke dramece malkreskas la okcidenteŭropa kolektivo) aŭ ĉiamaj SAT-anoj tute simple, siajn malfermitajn okulojn direktas al suferantaj popoloj kaj vivante en socio kiu daŭre prosperas je la malprofito de la neevoluintaj landoj, ili ne deziras kulpiĝi pri venontaj konfliktoj, militoj, kiuj nepre falos sur nin kiel konsekvenco de tiu danĝera mondo.

De 1950 ĝis 1990, la tutmonda loĝantaro duobliĝis atingante pli ol 5 miliardoj da individuoj. Post 2 aŭ 3 jardekoj, ĝi denove duobliĝos. Kiu opinias, ke daŭre ni malŝpare konsumados sen reagoj de malsatantaj amasoj?

*Noulin Marc*

*****

## PRI UNUA DE MAJO

Mi legis en Sennaciulo, majo 1991, tekston pri la deveno de la "1a de Majo", kaj tie ĉi, grava surprizo pro la asertoj de k-do Lanti. Ne estas tute vere ke anarkiisto ĵetis bombon, kaj la policistoj ne arestis lin, malgraŭ ke oni konis lian rifuĝejon.

La vera historio estas ke:

La 1an de Majo okazis ĝenerala striko en Ĉikago (Usono) por la okhora labortago. La 3an de majo 1886 la policistoj mortpafis plurajn laboristojn protestantaj sur la placo, kaj poste arestis ok laboristojn anarkiistojn plej aktivajn. Ili estis: Fielden, Neebe, Schwab (kondamnitaj al pluraj jaroj de enkarcerigo), kaj Engel, Fischer, Lingg, Parsons kaj Spiess (kondamnitaj al mortpuno, kvankam mankis ia ajn pruvo pri ilia kulpo. Oni devas alte proklami, ke la ok laboristoj arestitaj estis anarkiistoj, kaj ili ne ĵetis bombon. La usona tribunalo kondamnis ilin nur pro ilia forta propagando favore al laboristaro kaj batalo por okhora labortago. Kiamaniere oni povas kalumnii anarkiistojn asertante, ke ili ĵetis bombon? Kial k-do Lanti ne nomis la 8 laboristojn-anarkiistojn kiuj estis arestitaj kaj kondamnitaj? Kial li kredas la mensogon de falsa anarkiisto protektita de policanoj? Tia trompo ne estas kredebla!

*Carmelo Cimino*

*****

## ĈU KUNBATALANTOJ ?

Estimata SAT-membro Bespalov!

Kvankam mi ne sentas min alparolata per via letero en S-ulo de Junio 1991, ĉar mi ne povas konsideri min esti via kunbatalanto, mi tamen volas pritrakti parton de ĝi.

Vi skribis tiun leteron memore al la naskiĝo de la fondinto de la unua komunisma lando. Iomete strange por mi, ĉar komunisman landon laŭ la teorio de K. Marks aŭ aliaj teoriuloj mi fakte nenie en la mondo ĝis nun vidis aŭ nuntempe vidas, kaj konsekvence ankaŭ ne ties fondinton.

Aliflanke, vi kritikis la nunan situacion en via lando. Vi postulas, ke la registaro kaj la prezidento demisiu, aŭ ke Gorbaĉov, kiu estas samtempe prezidento de la ŝtato kaj ĝenerala sekretario de la KPSU rezignu je unu el tiuj du postenoj, ĉar ne eblas bone plenumi ambaŭ kaj ĉar ne indas fuŝi ambaŭ aferojn.

Nun mi ne volas enmiksiĝi en la enlandan sovetian politikon, ĉar mi eble ne povas prijuĝi bone la tieajn okazintaĵojn. Sed tamen, mi devas konstati la jenajn faktojn:

Ek de kelkaj jardekoj, do fakte jam ek de la regado de Lenin kaj Stalin ĝis hodiaŭ, la postenojn de ŝtata prezidento kaj de la ĝenerala sekretario de la KPSU preskaŭ ĉiam okupis la samaj personoj, kaj dum la pasinta tempo oni neniam kritikis tion nek publike en via lando, nek en IPE aŭ KEK, aŭ en ĝiaj oficialaj organoj.

Kial nun tiu kritiko kaj kial neniam antaŭe?

Restas nur du eblecoj por mi. Aŭ tio estis en antaŭaj tempoj tro danĝera kaj ne ĉiu homo emas esti martiro, aŭ oni tion ne kritikis, ĉar oni konsideris la tiaman politikan situacion absolute ne kritikinda sed nur la hodiaŭan.

La lasta punkto ankaŭ rilatas la diferencon inter SAT kaj IPE (poste KEK). Dum multaj SAT-anoj, ĉefe Lanti, jam dum la 30-aj jaroj kritikis la evoluon en

Sovetio kaj eĉ neis ke en Sovetio konstruiĝis komunismo aŭ socialismo, aliaj tion jesis.

Tio kondukis al la fondo de IPE, kiu evoluis al KEK.

La historiaj faktoj hodiaŭ montras, ke Lanti kaj ties disĉiploj siatempe pravis kaj ne la IPE-anoj.

Sen la agnosko de tiuj faktoj "kunbatalado" ne eblas, kaj konsekvence ni ankaŭ ne povas esti "kunbatalantoj".

*Friedel Bues*

*****

## MILITO NAJBARAS

Espereble, kiam tiu ĉi artikolo aperos en Sennaciulo, la konflikto en Kroatio kaj Slovenio finiĝos. La armeo de Jugoslavio ne plu minacos la pacaman popolon. Per tankoj la ekonomiaj kaj politikaj problemoj ne estas solveblaj. La armiloj nur pliprofundigas la danĝeran situacion.

Ni hungaroj (precipe hungaraj esperantistoj) ne estas indiferentaj pri tio, kio okazas en najbara lando.

La poststalinistaj reĝimoj falis unu post la alia en tiu ĉi parto de Eŭropo. Kial restus nur Jugoslavio kiel sola insulo en la maro de popoloj. La ĉi tieaj popoloj ekiris al la direkto de Eŭropa Domo. La enirorajto en Eŭropan Domon estas la sendependeco kaj la paca kunvivado kun la najbaroj.

La kroatoj kaj slovenoj lernis ami la sendependecon dum la jarcentoj, ĉar ili preskaŭ ĉiam estis subpremataj de diversaj reĝimoj.

La surfaco de Tito-a Jugoslavio estis senzorga kaj ŝajne Tito sukcesis kunfandigi la diversajn naciojn. Sed, nur ŝajne, ĉar en la profundo laboris diablaj fortoj atendante la taŭgan momenton por detrui la pacan trankvilon.

La nuna jugoslavia gvidantaro endormigis la mondon esperante ke la grandpotencoj (Usono, Sovetio, Francio, Britio, Germanio ktp) apogos la sangan paradmarŝadon de la tankoj en Kroatio kaj Slovenio. Kelkaj opinias ke Kroatio kaj Slovenio manifestis la sendependecon kaj suverenecon tro frue. Laŭ ili, ili devus atendi la plenan transformiĝon de Eŭropo, kiam ja efektive montriĝos la reala aspekto de politikaj fortoj.

Kroatio kaj Slovenio estas tre proksime al ni, sed per mansvingo ni ne povas solvi tiun ĉi problemon. Se ilia batalo malsukcesos, tiam en la estonto ankaŭ nia novbakita demokratio estos en danĝero, eĉ revenos la diktatoroj en Mez-Eŭropon.

El la najbaro ni aŭdas la krakadon de maŝinpafiloj kaj mitraliloj. Por ni restas nur la espero, ke la homa konscio vekiĝos en tuta Jugoslavio kaj ke la tieaj diversnaciaj popoloj kreos pli bonan hejmon por la paca kunvivado.

*Kovacs Béla*

## ĈU KOMUNISMO MORTIS ?

En orientaj landoj disfalis reĝimo nomita komunismo. Nun oni proklamas, ke LA komunismo mortis. Per tio oni volas signifigi, sen plia analizo, ke la disfalinta sistemo, reduktita nur al eko nomie misefika despotismo, estis la sola ebla formo de komunismo, sola sistemo reale kontraŭmetebla al la kapitalismo, ankaŭ eŭfemisme nomata "merkata ekonomio". Tiu manikea aserto estas plej krude stalinisma. Kiel ajn oni turnas ĝin, ĝi celas pravigi per nepravigeblaĵo nepravigeblaĵon. Sed la kapitalismo restas kun sia nekuracebla krizo rezultanta el ĝiaj senrimedaj internaj kontraŭecoj. Tiujn determinas neniu malica ideologio, sed la propraj objektivaj tendencaj leĝoj de la profito.

Certe, homoj bone eĉ bonege vivas kaj prosperas en la kapitalismo, sed kion gajnas malplimulto, tion nepre perdas plimulto. Iuj t.n. ekskomunistoj asertas, por pravigi sian perfidon, ke la kapitalistoj evoluis. Tiu hipokrita aserto lasas optimistojn pensi, ke la sociaj progresoj, efektive observeblaj en kelkaj industrie evoluintaj landoj, rezultas nature nur de la kapitalismaj virtoj, sed ŝuldas nenion al la klasbatala sindefendo de la ekspluatatoj. Sed jen: tiu propaganda idilio ne spegulas la realecon de la kapitalismo.

La nuna relativa triumfo de la kapitalismo ne estas triumfo de libereco kaj homaj rajtoj super politika reĝimo de aŭtoritata ekonomio. Liberalismo ne estas liberecanismo, sed estas la politika ideologio de la kapitalismo. Liberalismaj politikaj reĝimoj, eĉ la plej demokrataj, inter kiuj certe kalkuliĝas tiuj de okcidenta Eŭropo kaj de Norda Ameriko, tre bone scias uzi ŝtatan trudon kontraŭ la ekonomiaj kaj sociaj interesoj de la laboruloj. En la liberala entrepreno regas la despotismo; tie la homaj rajtoj estas respektataj en la limoj de la interesoj de la mastro kaj de la rilato de fortoj.

Solidareco estas principo de socialismo. Kontraŭe, la principo de kapitalismo estas "Ĉiu por si", alivorte, senskrupula, senkompata regado de la plej forta.

Evidentiĝas, en la ŝanĝoj de la kapitalista propagando, ke la atencoj kontraŭ homaj rajtoj kaj kontraŭ demokratio en orientaj landoj ne estis la vera kaŭzo de antagonismo inter la "Unua" kaj la "Dua" mondoj. Nun la burĝa propagando klarigas, ke la ekonomia problemo de tiuj landoj estas la kutimiĝo de iliaj popoloj vivi neniun utilan laboron farante kaj esti tro dorlotataj de la ŝtato. Ĉu do la Gulago estis tro luksa? Tute klare celata estas la socialisma principo de solidareco, ĝuste laŭmezure kiel ĝi ne estis perfidata de la disfalinta reĝimo. En tiu propagando, la solidareco estas monstre konfuzita kun la ŝtata despotismo!

Nu jes, la kapitalistoj evoluis. Ili estas konsiderinde pli koncentritaj, pli potencaj kaj pli lertaj ol en la epoko de Marks. En la okcidentaj plej evoluintaj landoj, ili preskaŭ tute konsumis, t.e. ruinigis la sendependan malgrandan entreprenon: la kamparanaron, la malgrandan industrion, la malgrandan komercon. Ili pli rekte regas la ŝtaton. Ili koruptis grandan parton el la sindikata kaj politika gvidantaro de la laboristaro. Ilia imperiismo ŝanĝis siajn regmetodojn por fari ilin pli diskretaj, sed pli hipokrite efikaj. Iliaj Internacia Mondfonduso kaj Tutmonda Banko ludas, en la hodiaŭa mondo, rolon analogan, sed je tute alia skalo, al tiu de la mezepokaj uzuristoj. Ili sisteme uzas la procedojn de ideologia milito, kiuj resumiĝas per tri vortoj; mistifiko, korupto, teroro. En la disfalo de la orientaj reĝimoj, ili nur vidas, kun nekaŝebla frandemo, plivastigeblan terenon de rabado kaj ekspluatado. Francaj mastroj postulas nun en Francio socian regreson de unu jarcento.

La temo de la "morto de LA komunismo", identigita al la "morto de la ideologioj" (t.e. interalie, de ĉiuj politikaj kaj filozofiaj skoloj aŭ sistemoj koncernataj de la Statuto de SAT) celas malfortigi la viktimojn de la kruela klasbatalo, kiun mondskale trudas kaj furiozigas la kapitalismo. La sukceso de tiu falsa temo signifus en la estonteco la eksplodon de senperspektivaj ribeloj, de kretene etnaj, religiaj kaj alipretekstaj konfiktoj, de ĉiuflanka gangsterismo, de interklanaj militoj, la redukton de la politiko al la disvolviĝo de personaj rivalecoj. La jugoslavia ekzemplo montras, ke libaniĝo de la mondo ne estas absurda hipotezo. La agado por la paco, sendependa de politikaj tendencoj, estas aktuala neceso.

Mi restas komunisto unue tial, ke mi fidas la popolon, la demokration, kaj due pro la valideco de la marksa analizo de la kapitalismo. Mi konsentas, ke aliaj analizoj meritas ekzamenon. Mi ne pretendas teni sola la tutan veron: eksterpartia, serena dialogo inter ni estas necesa, plej moderne revolucia agado.

*Petro Levi (23.111)*

*****

## RESPONDE AL R . AUKŠTIKALNYTE

Responde al "Malkonsento pri malkonsento" en S-ulo n° 6 (1032), paĝo 68, jen mia reago:

a) mi pensis pri la Sovet-Unia ŝtato kaj ne pri la Litova, kiu ja oficiale agnoskita internacie ne estas.

b) mi ne akceptis armean perforton kontraŭ ajna homgrupo! Relegu senemocie mian opinion.

Laŭ P.I.V., Sennaciismo estas kultura doktrino kies ĉefaj celoj estas la malapero de ĉiuj nacioj rigardataj kiel suverenaj unuoj.

Mi volonte sincere ekkorespondos kun vi, k-do R. Aukštikalnyté por tute interkompreniĝi.

*A. W. Treurniet*

# *JUNAJ VOĈOJ*
## *paĝo de la SAT-Junulfako*

### LA SOCIALA POLLANDO EN LA XXI-a JARCENTO

*Pri tiu ĉi temo la aŭtorino faris prelegon dum la ĉi-jara I.J.R. de SAT-JF en Epen, Nederlando.*

Ŝajnas, ke la plej efektiva kaj fidinda metodo por antaŭvidi socialan nivelon en Pollando en la sekva jarcento estas aŭgurado per ludkartoj. Samtempe, kiam en okcidentaj landoj oni povas observi pli aŭ malpli rapidan vastigadon de socialaj servoj, en Pollando la ŝanĝoj iras evidente en la tute kontraŭan direkton. Tagon post tago diversaj grupoj aŭ la tuta socio perdas siajn ĝisnunajn socialajn privilegiojn aŭ rabatojn. Do restas nur senpaciencaj demandoj: kie ni haltos sur la reira vojo? Kion ni ankoraŭ perdos? Kion ni sukcesos konservi? Pri kio ni povas rezigni kaj kion ni atente gardu?

Ĉu valoras ekzemple gardi ĝisnunan sanservan sistemon, kiu havis nur unu avantaĝon - ĝi estis preskaŭ senpaga. Lasttempe oni decidis, ke plene pagendaj estu vojaĝoj al sanatorioj, kuracado en ili, ĉiuj vitaminaj preparaĵoj kaj pansiaj materialoj. Kio ankoraŭ estos plene pagenda ?

Ŝanĝata estas ankaŭ pensia sistemo. Malgraŭ tio, ke ĉiumonate laboristoj pagas 43 % de siaj salajroj al la sociasekura instituto, pensioj estas averaĝe mizeraj. Espereble oni jam sukcesis prilabori novan leĝon, laŭ kiu nunaj pensioj dependos nur de salajro kaj laborperiodo kaj ne, kiel nun, de la jaro de emeritiĝo. Tamen plu restas nesolvita problemo de pensia kotizo. Ĉu ĝi dependu de salajro aŭ laboristo mem ĝin determinu kaj pere de ĝi sian estontan pension ?

Studado kaj stipendioj, iliaj niveloj kaj alirebleco por ĉiuj, ĉiam estis kampo de ardaj diskutoj kaj disputoj. Ili ĉiam spertis senĉesajn ŝanĝojn. Tamen ŝajnas, ke plej grandaj ŝanĝoj estas ankoraŭ antaŭ ni. Pli kaj pli aŭdeblas voĉoj postulantaj enkondukon de la studpago. Pli moderaj reformistoj proponas redonendajn kreditojn je studado. Ĉu tio signifas, ke jam baldaŭ en Pollando studos nur riĉuloj ?

Senlaboreco en Pollando aperis tiel subite kiel invadanto el fremda, malamika planedo. Tute nekonata ĝis nun fenomeno alportis novajn problemojn sed sen iu ajn scio pri ilia solvado. Pro tio en la subite kreenda sistemo de subtenoj por senlaboruloj enŝteliĝis multaj eraroj. Ekzemple tre ofte la subteno malmulte diferenciĝas de salajroj (salajroj estas tro malaltaj kaj ne subtenoj tro altaj). Do ĝis kiam la diferenco ne estos sufiĉe granda, ĝis tiam estos homoj laŭ kiuj valoras esti senlaborulo. La nuna sistemo ne scipovis ankaŭ distingi inter senlaborulo kaj mallaboremulo, do tre ofte pagas al ili tiom same.

Leĝo pri abortigo kaj puno pri ĝi aspektas esti grava por la tuta socio, sendepende de aĝo, edukiteco, loĝloko kaj religio. Do ne estas miriga la fakto, ke la temo vekita denove antaŭ unu jaro, profunde dividis nian socion. Pledantoj de nenaskitoj firme baziĝas sur la sepa ordono - ne mortigu ! - kaj neglektas ĉiujn aliajn argumentojn. Kontraŭuloj de la puniganta leĝo indikas malsufiĉan priseksan informadon, limigitan akireblecon de kontraŭkoncipaj medikamentoj kaj precipe mizeran vivon de nevolitaj infanoj. Nek la ŝtato, nek multpersonaj familioj povas garantii al ili vivon en sufiĉe bonaj materiaj kondiĉoj, ne parolante jam pri amo - plej bezonata vitamino en la infanaĝo. Plej parte, laŭ ĉiuj sondadoj de la publika opinio, pola socio estas kontraŭ la nova leĝo. Do mirigas la fakto, ke nia parlamento ŝajnas esti akceptonta ĝin. Kial ?

Sekva amara problemo - loĝejoj. Loĝejajn problemojn de averaĝa pola familio solvis dum multaj jaroj loĝejaj kooperativoj. Sed oni devis atendi la loĝejon 10-20 jarojn. Kaj nun multaj familioj rezignas pri tiom longe atendata loĝejo, ĉar simple ĝi estas tro multekosta por ili. Reale kalkulata lupago por novaj loĝejoj enhavas plej parte repagon de multekosta kredito kaj pro tio ofte egalas al 3-4-obla averaĝa salajro. Kiu povas perlabori sufiĉe por tia lupago?

Simile estas pri infanvartejoj. Antaŭ nelonga tempo estis malfacile sendi infanon al infanvartejo, ĉar mankis lokoj en ili. Nun la ŝtato ne subvencias la instituciojn kaj oni devis fermi multajn el inter ili, pro manko de infanoj. Jam ofte ne valoras sendi infanon al infanvartejo kaj reveni al laboro, ĉar financa finrezulto ne ĉiam ebligas levi familian vivnivelon.

Socian problemon kaŭzis lastatempe drogaviduloj kaj precipe AIDS-malsanuloj. Finfine, antaŭ kelkaj jaroj, la ŝtato agnoskis la problemon kaj eĉ finance apogas drogavidulojn. Tamen, ili ne plu trovas komprenon de la socio. Kelkfoje jam okazis, ke la ŝtato atribuis al ili specialajn domojn, sed la loĝantoj de la ĉirkaŭaĵo protestis kontraŭ tia najbareco kaj perforte forpelis ilin.

La lasta ekzemplo montras klare, ke niaj multaj malfacilaĵoj naskiĝis ne nur el mizera ekonomia stato, sed ankaŭ el specifa socia konscienco. Dum multaj jaroj averaĝa pola civitano estis edukata kaj konvinkata, ke la ŝtato pensas pri ĉiuj iliaj bezonoj kaj ke ĉiuj ricevos la samon (malmulte, sed egale). kaj fakte la vivnivelo malmulte dependis de personaj kapabloj, edukiteco kaj laboremo.

Do eble ne estas malfacile kompreni seniluziiĝon de la socio, kiu alkutimiĝis al multaj formoj de la socia helpo sed nun perdas la privilegiojn kaj ankoraŭ ne vidas profitojn de la oferoj.

Fine, la lasta grava demando: kiom da socialaj privilegioj ni ankoraŭ devas perdi por atingi bonstaton, kiu permesos pensi pri ilia reakiro? Ni esperas trovi respondon je la demando dum la Internacia Junulara Renkontiĝo. Eble diskutoj kun junularo, kiu iras renkonte al ni, permesos al ni kompreni necesecon de niaj ŝanĝoj kaj montros la celon.

*Grazyna Mirkiewicz*

---

### Karaj ge-IJR-anoj,

Nun evidentiĝas ke mi ne sukcesis partopreni, eĉ parte, vian renkontiĝon. Do mi sendas al vi tiun ĉi leteron, por almenaŭ diri, ke mi estos kore kun vi en Moresneto kiam kelkaj el vi vizitos ĝin.

Mia artikolo pri "Amikejo" en Sennaciulo de lasta junio ne estis tute hazarda. De pli ol unu jaro nun, ideo ŝvebas en la kapo de kelkaj junaj esperantistoj pri fondo de komunumo supernacia, kie oni parolus esperante kaj vivus ĝoje kaj libere.

Ekde 1993 ĉiu civitano de la Eŭropa Komunumo povos vivi kaj labori ie ajn en Eŭropo, do kial ne en la iama Moresneto, nur 7 kilometrojn for de granda germana urbo Aachen, kie laboro ne mankas pli ol aliloke.

Se tia ideo, provi konstrui esperantlingvan komunumon de gejunuloj, interesas kelkajn el vi (des pli se Moresneto ŝajnas al vi ebla loko por situigi ĝin), bonvolu do kontakti min. Mi povos transdoni la plej interesajn leterojn kaj projektojn al Lionel en Lyon (F) kiu komencis publikigi bulteneton pri esperantlingvaj komunumoj.

Ĝis ebla interkonatiĝo?

*Christian LAVARENNE*
*Pareliusvn. 7 c*
*N-1177 OSLO 11*
*Norvegio*

---



**Junaj Gekamaradoj !**

**Kunlaboru en Sennaciulo kaj uzu la spacon en "Junaj Voĉoj".**

**Informu pri viaj aktivecoj kaj problemoj kiuj preokupas la junajn generaciojn.**

**La redaktoro atendas kunlaboraĵojn el la tuta mondo!**

# S.A.T.  erinaco

DISTRA PAĜO POR SERIOZAJ SAT-ANOJ

## VIVU LA EGALECO !












*"Kaj pro tio vi ricevos pli altan salajron ol mi ?"*
El "Socialistische Zeitung" - majo 91.

